


Año II (N.º 15)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 3

MARZO 1950

Ruzafa, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## ...y al César...

**Existe en España, incluso entre las personas que, por su cultura, debieran estar más enteradas, la creencia de que por ser el Esperanto un lenguaje artificial—es decir, creado por el arte—no pasa de ser una fantasía, una quimera, propia tan sólo para que un puñado de idealistas, o chiflados, desperdicien su tiempo en vanos devaneos, más o menos fantasmagóricos. Otros, que conocieron un pasado repleto de esperanzas para la lengua internacional, creen que los apocalípticos jinetes bélicos tendieron ya sobre ella el frío sudario que la enterraba en el pasado.**

**Existe otra categoría de gente, que ni cree ni deja de creer, pero que no quiere saber nada del Esperanto, sin más ni más, o porque, sin razón ni meditación alguna, le atribuyen finalidades o tendencias—que un idioma en sí jamás puede tener—contrarios a a los principios eternos de la Religión y de la Patria.**

**A los primeros se les puede contestar haciéndoles saber que un conjunto, de más de dieciséis millones de personas, ha pedido que sea declarado el Esperanto idioma oficial de la O. N. U. y, además, idioma auxiliar internacional, oficialmente aceptado como tal por todas las naciones del mundo. También se les puede afirmar, que U. N. E. S. C. O., esto es, el supremo organismo regulador de la Enseñanza, lo usa ya para sus informes, y lo recomienda, con la ponderación debida, para evitar el creciente embrollo lingüístico, en que se enredan todos los organismos internacionales.**

**A los que creyeron en la desaparición del Esperanto, les podemos afirmar que nunca tuvo mayor lozanía y vitalidad, demostrada en los últimos congresos anuales, y que será superada este año, en el del próximo Agosto, encuadrado en el marco esplendoroso de París. Nunca, como ahora, hubo entre los esperantistas una mayor afición a las cuestiones puramente lingüísticas y a los temas literarios, lográndose con ello un conocimiento más preciso, y un cariño más apasionado, por el propio idioma de cada individuo o de cada pueblo.**

**A los suspicaces y maliciosos, que se empeñan en ver telarañas, donde no hay más que pulquérrima claridad, les respondemos tan sólo con la escueta noticia de la formación en España de un Grupo Esperantista Católico, guiado por esclarecidos sacerdotes y misioneros, e integrado por valiosos elementos de nuestra Federación, deseosos de utilizar el idioma de todos para fines apostólicos.**

**Así es cómo el Esperanto prospera y progresa. Cada vez es mayor el número de los que conocen su fácil mecanismo, su difícil olvido, su perfecta utilización para el comercio, las ciencias, el arte, el turismo y la literatura.**

**Y cada vez son menos, afortunadamente, los que prejuzgan, atribuyéndole absurdas concomitancias que—repitámoslo una y mil veces—un idioma en sí jamás puede tener. Y si alguien queda reacio todavía, que se inscriba en la peregrinación organizada para ir a Roma, en caravana esperantista, con motivo del Año Santo, y se convencerá... si no es que pretende ser más papista que el Papa.**



**Sub la hela lumo de la suno, la popolo esperantista vivas sane kaj laboras varme uzante praktike, en skribo kaj parolo, sen banala diletantismo, la racian mekanismon de sia belega lingvo, kiu publike funkcias jam, kiel plene utila rimedo kaj logika solvo, por la grava problemo, kiu ekzistas de longe en la mondo pro manko de unu lingvo internacia, oficiale akceptata, kies bezono kreskas nun de tago al tago, pro supera progresado de la moderna tekniko**



# VALENCIO SVARMAS NUN EN APOTEOZO!

## PRO LA FESTO DE LA FAJRO KAJ LA FLAMO

**Hispana Esperanto-Federacio, kun sincera fervoro, esprimas sian gratulon kaj partoprenas en la popola entuziasmo**

Per la formo de iliaj plezuroj, oni konas la homojn kaj ankaŭ la naciojn. La popoloj eksterigas siajn sentojn, kaj malkaŝas siajn inklinojn, per la maniero en kiu ili sin fordonas al la ĝojo kaj la ĝuo, dum la difinitaj datoj, kiam estas eble forgesi iomete la malagrablaĵojn de la vivo. Ĉiu urbo dorlotas malsame siajn festojn, laŭ stilo adekvata al la propra temperamento; sed, per la sana rido de siaj amuzoj; ĉiuj urboj malkovras kaj svingas ĝentile la silkon de sia spirito.

Valencio, ĉefurbo de riĉa kaj gaja regiono, salutas ĉiujare la ekfloradon de la printempo per sia originala festo de «les falles» (elp. *les faljes*) kio, en la valencia lingvo, signifas fajraĵojn, bruligaĵojn. En la komenco, ĉi tiu festo estis nur simpla distro de ĉarpentistoj, kiuj, vespere en la festotago de sia patrono Sankta Jozefo, por honori la kreskantajn tagojn, kutimis bruligi la lignan foston ĉe kiu pendadis la oleolampoj, dum la vintraj vesperaj laborhoroj. Tiu metia solenaĵo estis ja tro simpla amuzo; pro tio, verŝajne, juna ŝercema ĉarpentisto havis la ideon ornami la bruligotan foston per ĉifita ĉapelo kaj eluzita jako; tiel, do, aperis groteska figuro, kiu fariĝis emblemo de la nuna festo. Kredeble, en la sekvinta jaro, oni aldonis al la ĉifonaĵo trivialan maskon, kiu iel celis simili vizaĝon de ekspluatemá mastrò, de grumblema laborestro aŭ maldiligenta kunulo; sekve, la viktimo de la fajro ne jam plu estis kruda lignaĵo, nek sensignifa ĉifonaĵo, sed konkreta objekto, kiel ia simbolo de primokindaj difektoj aŭ malvirtetoj. La novaĵo tuj disvastiĝis tra ceteraj ĉarpentejoj, la afero etendiĝis tra ĉiuj kvartaloj. La metia ludo fariĝis publika posedaĵo; kaj postajn jarojn, sur diversaj placoj, jam stariĝis podioj el ligno kaj pentrita kartono, kun maldelikataj figuroj, pupegoj remburitaj per pajlo, reprezentantaj personojn el la sama kvartalo, kiuj estis misfame aŭ rikane konataj: *frivola* edzino, *blinda* edzo, vanta dando, provokema bravulaĉo, profitema parvenuo, fia procentegisto... Dum daŭro de unu tago, la maliceta monumento estis kvazaŭ popola pilorio, ĝis la frua vespero, kiam la aŭtodafeo efektiviĝis, en skerco de flamoj kaj fajreroj, inter la forta bruado de ĝojaj krioj kaj eksplodoj de petardoj.

Jaron post jaro, la festo repoluris siajn konturojn, la arto altigis ĝian rangon ĝis plej superaj ekstremoj de beleco kaj sprito. Kaj la modesta distro de la tiutempaj ĉarpentistoj estas nun plej pompa festo, plej karakteriza allogo, de moderna urbo. Sed, neniel pro tio la festo perdis sian pikeman karakteron, nek sian satiran intencon. La najbararo mem, per semajnaj kotizetoj, administrataj de koncernaj kvartalaj komisionoj, plene mastras kaj rekte gvidas ankoraŭ la tutan aranĝon de tiel brila amuzado. Dum tri plenaj tagoj, pli ol cent imponaj konstruaĵoj —kelkaj el ili tiel altaj, kiel trietaĝa domo— kun dekoj da artaj figuroj, regas kaj pompas dise tra stratoj kaj placoj. Flagoj kaj multkoloraj drapiraĵoj flirtas abunde ĉe balkonoj kaj fenestroj, la ĉielo bluas, fanfaroj muzikas kaj la homamaso svarmas daŭre kaj daŭre, senĉese kaj senĉese, de mateno al mateno; ĝis, ho, fine jam! ĝuste ĉe la noktomezo de la 19a de Marto, treege akurate, apoteoze, forbrulas la efemeraj kasteloj, por kies aranĝo oni laboris, kaj oni klopodis, dum kompleta jaro. En tiu horo sole-

na, kaj tre vere emocia, preskaŭ la tuta urba loĝantaro troviĝas surstrate, la fasadoj de domoj mistere grimacas pro reflektoj de fajraj eklumoj. Dekmiloj —centmiloj!— da raketoj elŝprucigas artefaritajn ĉiukolorajn stelojn al la naturaj steloj. Grandegaj kirlaĵoj el flamoj lekas avide la nigron de la ĉielo, tra la sorĉa iluminado de la nokto. En densa amaso, la publiko ridas kaj kantas, aŭ kantas kaj ridas, la fanfaroj ne mallaŭtigas la tonon de siaj metalaj voĉoj, kaj eĉ la luno rigardas kun miro la grandiozan kaj unikan spektaklon de tiu urbo, kiu sukcesis dresi la fajron por manipuli ĝin tute senĝene, kiel rimedo povi puni punindaĵojn per la puno de arta moko, antaŭ ol definitive ilin puni, por ekzemplo, per la drasta efiko de la fajro.

...Kaj, kvazaŭ eterna fenikso, el sia nunjara cindro renaskiĝos venontjare, kun nova impulso kaj plia impeto, la sama festo, plej mirinda, de la flamo!

# BABILADO PRI DANLANDO

Multaj opinias, ke la geviroj en la nordaj landoj estas malvarmaj. Sed tio estas eraro. Mi tuj pruvos tion: En la jaro 1949.[a] naskiĝis en Kopenhago 11.532 infanoj, sed 1765 naskiĝis *eksterleĝe*! Tamen, la tuta vivtempo ne estas tiom rapida, kiom en la sudaj landoj. Kvankam Kopenhago havas proksimune 1,1 milionon da enloĝantoj, la tuta trafiko estas regulata per lumsignaloj. Nur en eksterordinaraj okazoj, policisto enmiksas sin. La piedirantoj kaj la ŝoforoj estas, ĝenerale, sufiĉe afablaj unu al la alia. Ke ŝoforo haltigas sian aŭtomobilon, por ke piediranto sendanĝere povu transiri la straton, oni preskaŭ neniam vidas en Nederlando; sed tio estas tute ordinara afero en Kopenhago. La danoj tre ŝatas muzikon, aŭ pli precize, ili ŝatas aŭskulti muzikon. Ili ne multe mem ludas. En la granda koncertsalono en la radiostacio de Kopenhago, estas dum la vintro, ĉiuĵaŭde kaj ĉiudimanĉe, bona koncerto. Kaj se oni ne tuj aĉetas sian bileton, oni ne ekhavos ĝin. Tion mi spertis ankaŭ en aliaj urboj. En Aarhus (Jutlando) la redaktoro de iu gazeto petis min viziti koncerton, kiu okazos en la belega tiea universitato. La urba orkestro, kiun gvidas la fama dana direktanto Thomas Jensen, estas unu el la plej bonaj orkestroj en Danlando. Duonan horon antaŭ ol komenci la koncerton, mi envenis la aŭlon, sed jam ĉiuj seĝoj estis okupitaj, kaj cento da homoj staris laŭlonge de la muroj. Tio ne estas escepto, ĉar mi konstatis tion plurfoje. Mi loĝis dum kelkaj tagoj ĉe samideanoj en Aarhus. Dimanĉmatene oni vekis min je la sesa horo, kaj oni demandis, ĉu mi volas kuniri al la urba banejo. Duondormanta, mi tamen saltis el la lito; kaj post kvaronhoro mia amiko kaj mi biciklis al la banejo. Tre granda, moderna konstruaĵo. Oni montris al mi kabinon, mi eniris kaj senvestis min. Tiam mi serĉis la kranon por ekhavi akvon. Sed... en la tuta kabino ne troviĝis krano. Mi kriis al mia amiko, kiu estis en la apuda kabino:

—Kie estas la krano? ĉar mi volas akvon! Li respondis:

—Ne estas krano nek akvo en via kabino! Denove mi:

—Kial vi kunprenas min al banejo, se ne estas akvo en la kabino?

—Elvenu el via kabino, ĉar ni lavos nin aliloke.

Singarde, mi malfermis la pordon de mia kajuto kaj vidis... multajn adamojn, kiuj iris al la loko, kie oni sin lavas komune. Tiuj banejoj ne ekzistas en Nederlando. Se oni prenas duŝon, oni eniras kabinon sola, kaj tie ankaŭ sin lavas. Vi do povas kompreni, ke en la komenco mi miris. Kaj mi devas konfesi al vi, ke mi ĝis nun, neniam vidis unu Evon inter la Adamoj.

HENK VALCKENIER

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● AUSTRIA.—Verkehrsbüro, de Kufstein (Tirol), en colaboración con el Centro de Esperanto, organiza para los días 19 al 30 de julio de 1950 una «Internacia Ferio-Semajno» con excursiones a los alrededores, conferencias culturales en universidad de verano y conciertos, todo ello en un grato ambiente de cordialidad.

● BELGICA.—«De Verkenner», periódico mensual de los boy-scouts católicos de Flandes, propaga el Esperanto entre sus afiliados.

El Servicio Municipal de Turismo, de Brujas, ha publicado un folleto turístico en Esperanto «Brugge, la artjuvelo de Belgujo»; puede solicitarse gratuitamente de «Urba Servo por Turismo», Dijver, 16. Brugge (Bélgica).

● FRANCIA.—Las personas seriamente interesadas en el asunto, pueden solicitar gratuitamente de UNESCO (19, Avenue Kléber — PARIS XVI) un ejemplar del informe, redactado en idioma inglés, del doctor J. E. Holmstron, a favor del Esperanto, para resolver el problema lingüístico.

En la revista «Constellation», de noviembre, apareció un artículo de Mario A. Pei, mostrando que, las experiencias de pérdida de tiempo y costas por causa de la coexistencia de varias lenguas oficiales, en los organismos internacionales, obliga a una lengua auxiliar internacional como es el Esperanto.

● HOLANDA.—El diario «De Typhoon», de Zaadam (Westenide, 35), publicó a fin de año una página con felicitaciones en Esperanto, recibidas de todo el mundo.

«Nederlands Talenblad», periódico editado en Leiden, la ciudad universitaria holandesa, para los estudiantes de lenguas extranjeras, tiene secciones en francés, alemán, español, latín, ruso y... Esperanto!

El observatorio astronómico de Utrech ha editado, para entregar a los visitantes, unas tarjetas explicativas en inglés y Esperanto.

Actualmente, 866 muchachos están aprendiendo el Esperanto. Los centros docentes donde se cursa su estudio son: 4 Escuelas normales, 15 Escuelas públicas, 3 privadas católicas y 4 cristianas, 1 Escuea técnica, 1 de Peritos Jardineros y 2 Instituciones para ciegos. Todos los alumnos estudian con afán.

«Verbond van Werenschappelijke Onderzoekers» (Asociación de Investigadores Científicos) mantuvo una sesión de studio y polémica respecto a la implantación del Esperanto como lengua mundial científica.

● INGLATERRA.—«Departement of Publicity-Civic Centre», de Southampton, ha publicado un folleto turístico en Esperanto: «Southampton, la pordego al Anglujo». ¡Y aún dicen del Basic English!

Durante el 34 Congreso Universal de Esperanto, en Bournemouth, se constituyó la «Liga Internacional de Maestros Esperantistas». En Inglaterra funciona la «Sociedad de Maestros Británicos Esperantistas».

● ISLANDIA.—Consultada la población, el 72'5 % se ha mostrado propicia a la difusión del Esperanto, el 17'1 % contraria y el 10'4 indiferente.

● SUIZA.—«Svisa Esperanto Societo» mantiene un «Servicio de Ayuda Internacional». El proverbial humanismo del pueblo helvético no podía ser olvidado tampoco por sus esperantistas, que reciben muchas felicitaciones.

● ALEMANIA.—La Dirección municipal de las escuelas de Berlín occidental han iniciado un curso de Esperanto para maestros, a fin de disponer de personal apto para la enseñanza de nuestro idioma desde el 7.º grado de la enseñanza escolar.

● BRASIL.—La revista ilustrada «Brasilitas», de Bauru (Sao Paulo), ha empezado a publicar una página en Esperanto con gran interés de sus lectores.

● EL ESPERANTO Y LA AVIACION.—La «K. L. M.» (Real Compañía de Aviación para Holanda y Colonias), con ocasión de sus 30 años de exicstencia, ha editado un folleto en Esperanto: «La historio de la K. L. M.»

HEROLDO
DE ESPERANTO
DUONMONATA INTERNACIA ORGANO DE LA ESPERANTO-MOVADO
N-RO SPECIALA FONDITA EN 1920 — 26-A JARKOLEKTO MARTO 1950

# SUPER ĈIO, LA IDEO!

*Pasas, venas la jarcentoj.*
*Mortas, renaskiĝas gentoj.*
*Ĝoj' alternas kun doloro,*
*Ridon sekvas larmo, ploro.*
*Sed, tra ĝojo kaj tra veo,*
*Tra pereo*
*Kaj rekreo*
*Venke lumas la Ideo.*

*Ĉu ekpalas sun' kaj steloj,*
*Ĉu disfalas mond', ĉieloj,*
*Kaj rikanas la infero,—*
*Aŭ sin levas nova Ero*
*Al sublima apogeo:*
*Glore restas*
*Kaj majestas*
*Super ĉio la Ideo.*

*Pro l' Ideo ni fervoras,*
*Pro ĝi luktas kaj laboras;*
*Pro l' Ideo ni suferas.*
*Sed ne pro la venktrofeo.*
*Ne pro oro,*
*Ne pro gloro:*
*Sole nur pro la Ideo.*

*Iam brila tag' naskiĝos:*
*Venke, nia ag' kroniĝos;*
*Sin komprenos la homaro*
*Kaj kunvenos ĉe l'altaro*
*De tutmonda Jamboreo,*
*Manifesti,*
*Kune festi*
*La triunfon de l'Ideo!*

TEO JUNG



# Sinjoro Teo Jung, — KORAN DANKON!

BIOGRAFIO.—Theodor (= Teo) August Karl Heinrich JUNG, n. 21-an Decembro 1892, en Mackenhein bei Bonn (Rejnlando, Germanujo), kiel filo de la presisto-eldonisto Heinrich Jung; vizitinte popolan lernejon kaj gimnazion, li lernis la metion de la patro, samtempe pliperfektigante sin en diversaj sciencoj, precipe lingvoj. Pri Esperanto li unuafoje eksciis en 1905. au 1906. per kalendaro por lernantoj; li lernis la lingvon en 1910. kaj tuj komencis verki. Li fondis Esperanto-grupojn en Siegburg kaj Horrem. Post la milito, kun aliaj li refondis Rejnlandan-Vestfalian Esperanto- Ligon kaj eldonis ties organon «Progreso». Multjare li kunlaboris en la Esperanto-grupo de Köln, kiun dum kelkaj jaroj li prezidis. En 1920. li eldonis semajnan gazeton «Esperanto Triumfonta» (poste nomita «Heroldo de Esperanto»), kiu nun akurate aperas sub lia redaktado en Scheveningen (Nederlando). Li okupis sin, cetere, pri la teoría flanko de la mondlingva problemo, studante diversajn projektojn kaj mem ellaborante kelkajn, kiujn li tamen ne publikigis. En la Movado, lia nomo estas garantio de seriozeco.

Lia verkado precipe koncentrigis sin en la gazeto «Heroldo de Esperanto», en kiu li publikigis sennombrajn artikolojn, rakontojn, poemojn, tradukojn, recenzojn, parte sub pseudonimoj.

De multaj hispanaj esperantistoj li estas persone konata pro tio, ke en 1925, li vizitis nian landon kaj rekte partoprenis la nacian kongreson, kiu okazis tiujare en Madrido, kaj la katalunan en Santa Coloma de Farnes, kie li gajnis la Naturan Floron, okaze de la 12-aj Floraj ludoj, pro lia bela poemo «La Alta kanto de la Amo». Pli poste, dum la hispana kongreso en Seviljo, li ricevis la unuan premian pro alia ampleksa poemo gloranta tiun urbon. Lia simpatio estas tiel granda, kiel lia fervoro. Spite plej furiozajn batojn, neniam li forgesis agi konsekvence al tiuj tri gloraj signoj de la esperantismo: la espero, la obstino kaj la pacienco.

Kaj nun, kiam la tuta vivo statas sub la stampo de la profitemo, li faris lastan geston: liveri senpage sian gazeton, la hejmecan amikon «Heroldo», al la hispanaj esperantistaj rondoj, kie regas pro tio ne nur ja granda kontento, sed io alia pli grava: la firma konvinko, ke la vorto «samideaneco» ne estas simpla kombino de literoj sed fontano de superaj sentoj.

---

En la lando de Don-Kiĥoto, decas do akcepti, tiun donacon per jenaj vortoj de la fama kavaliro, kiuj en Esperanto estas legeblaj, tie men, en la ĵus eldonita ĉapitro:

**DANKI LA FAVOROJN, KIUJN ONI RICEVAS, ESTAS PRUVO DE INDA NASKITECO; SEKVE, UNU EL LA PEKOJ, KIU PLEJ MULTE DION OFENDAS, ESTAS TIU DE LA SENDANKEMO!**

# INTER LA PROZO DE LA

Mi ĵus malkovris ĉe mi kaŝitajn kapablojn por turisma reklamado; mia senpretenda kanto, en la lasta numero, pri la frua vekiĝo de la tuta naturo, el sia vintra letargio, havis resonojn trans la landlimoj. Laŭ urĝaj depeŝoj de mia kuriero, mi scias, ke pluraj diverslandaj gesamideanoj venas vizite al la sudo, por sin bani volupte en la varma kareso de la suno hispana. Iomete mi timas, ĉu ili ne disreviĝos kaj gardos al mi malestimon pro facila senpripensa propagando; sed ankaŭ mi scias, ke ili venas, kun naiva koro de infanoj scivolaj, por frandi la dolĉajn molaĵojn kaj mielajn sukojn de plej multaj fruktoj, en la propra medio de tiuj fruktarboj, longe promenante tra la vojetoj de originalaj ĝardenoj sen bariloj, kie kreskas rozoj kaj diantoj apud brasikoj, endivioj, bulboj kaj terpomoj... Nu, mi mobilizos tuj tuje ĉiujn geniojn de la arbaro, por la grava militiro agrabligi la restadon de ĉiuj tiel karaj geamikoj, el foraj malproksimaj landoj. Bedaŭrinde, la fabelaj estaĵoj de la arbaro ne estas videblaj por la homoj; sed ili atestos sian ekziston per variaj detaletoj, kaj tre subtilaj elmontroj: milda blovado de venteto, melodia susurado de glitemaj riveretoj, fluantaj el sovaĝaj fontoj, aŭ per la graciaj movoj, en eleganta balanciĝo, de la sveltaj palmoj, kiel simbola saluto de mia fantazia regno al la ŝatataj vizitantoj el la nordo.

Tamen, mia bonvolo al ili ne estu ĝeno por mia devo al vi, kara nekonata konato, skize raporti pri la ĝenerala aspekto kaj riĉa enhavo de ĉiuj gazetoj lastatempe spertintaj la ekzamenon de atenta tralego. Metinte ordon en miaj notoj, jen estas la resumo, kiun oportune mi faris, laŭ mia bontrovo:

FRANCA ESPERANTISTO meritas honoran lokon en la listo, tial ke ĝi represis pli ol duonon de la ĉapitro de Don-Kiĥoto, kies traduko aperis kiel aldono por la decembra numero de nia bulteno. La franca kolego prezentas longan fragmenton en du plenaj paĝoj de tre densa teksto. Pro ĝia afabla kunlaboro, en tiel grava entrepreno, ni tre kore dankas; cetere, la tuta numero estas ege interesa, eĉ en la malĝoja flanko de kortuŝa nekrologo, pro la forpaso de la admirinda samideano Archdeacon; bonega estas la rubriko pri la enketo: «Ĉu senkolora neŭtraleco?» S-ro Schwartz spicas, laŭ sia lerta maniero, artikolon pri kiu la sola mencio de titolo sufiĉas: «Pri pipoj, principoj kaj tipoj». En konkludo, tre bela specimeno pri la kapablo kaj agemo de niaj najbaraj samideanoj. BELGA ESPERANTISTO aperigas belan raprton pri Spa, urbo kie okazos la landa kongreso, dum venonta Majo, sub la devizo: «Unu belga nacio, unu nacia ligo, unu belga kongreso!». De Anglio revenas LA SKOLTA MONDO tiel lerte redaktata, ke ĝi fariĝas loga eĉ por personoj fremdaj al la skoltismo. Vere meditinda estas la Leĝaro, kiun oni povas legi en plej klara kaj flua stilo. NORVEGA ESPERANTISTO pompas per nova tre arta vizaĝo, t. e. bela desegnaĵo por la nomo de la gazeto; cetere, plaĉaj bildoj plivalorigas la enhavon. En kortuŝa artikolo pri Rosalja Sofer Zamenhof, kara kaj dolĉa patrino de nia majstro, oni legas delikatajn pensojn; mi ne rezistas la tenton represi la lastajn vortojn: «Ni devas rekoni ŝian meriton, donante al ŝi la estimon, kiun si meritas en Esperantujo. Ŝi devas esti por ni la simbolo de la virino esperantista!». La du aliaj

**Kun sincera gesto de honesta impulso, ni etendas la manon al la eksterlandaj ge**
**nia koro kaj en la intimeco de nia hejmo. Per la bela lingvo, kiu nin unuigas en**

# A ESPERANTISTA GAZETARO

skandinavaj landoj harmonie rilatas inter si, per la rubandoj de siaj gazetoj : SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN bone raportas pri la sukcesaj prelegoj, tra la tuta lando, de egipta samideano Tadros Megalli, kiun sincere mi gratulas, profitante la okazon por demandi al li, ĉu la egipta gazeto ankoraŭ aperas. NIA VOCO estas nova kaj vigla malgranda organo de la Dana Laborista Asocio. DANSK ESPERANTO-BLAD, nia kara kolego de la danaj samideanoj, amplekse raportas ankaŭ pri la propagandaj vojaĝoj de alia gravulo. Temas pri D.ro Ivo Lapenna, el Zagreb, kiu nun prelegas en Francio, speciale komisiita de U. E. A. por kulturaj rilatoj, dum unu jaro. LA DHARMO aperas nun en malpli granda formato, sed tre agrabla ; supre, sur la fronta paĝo, estas ege plaĉa kaj milda vinjeto, kun la mistika figuro de Budho. Per tre bonstila lingvo, oni klarigas altajn filozofiajn konceptojn ; en ĝia rubriko por informoj, oni recenzas tre afable nian Bultenon, kion plej volonte ja ni kaj la voĉo el la transmondo» oni povas legi la plej kuriozan specimenon de moderna sinkretismo. La pikema gazeteto S. A. T.-AMIKARO prezentas frontpaĝe serion da gravaj demandoj al kiuj oni devas, laŭ ĝi, nepre respondi per konkreta neo. MAROKA ESPERANTISTO, bulteno de la marokaj samideanoj, ankaŭ estas nova gasto en mia revuado. Sciiginda estas la anonco, en kiu oni promesas senpagan vojaĝon al Parizo, por ĉeesti la Universalan Kongreson, al la plej kapabla lernanto de la marokaj publikaj kursoj.

Bone mi scias, ke la brila nomo de tiu belega eŭropa ĉefurbo estas nunjare magia vorto por la esperantistaro ; en ĉiuj esperantaj gazetoj, aperas regule informoj kaj precizaj indikoj, por plej komforta restado en Parizo ; sed nia Bulteno ne tiel forte tamburas, ĉar la eblo de hispana partopreno ne dependas ĝuste nur de privataj deziroj, sed de kolektivaj klopodoj kaj aktivaj demarŝoj, ĉe diversaj oficialaj instancoj. Ankoraŭ estas frue, por paroli pri sukceso aŭ pri fiasko. Tial, la afabla vizito de tiu grupo da gesamideanoj, plivigligantaj nun la lokajn rondojn de kelkaj urboj, jen povas esti : promes-

**gesamideanoj, kiuj, dum kelke da tempo, estos honoraj gastoj en la fundo de en la sama revo, ni diras al ili nur tiun solan frazon: Estu bonvenaj en Hispanio!**



reciprokas. Jam refoje en la sudo nin salutas INTERNACIA KULTURO, kies kovrilo bele sin garnas per bildo de blanka urso, kun fono de neĝokovrita pejzaĝo ; tre ĉarma estas la rakonto «Fosfia» kie oni karese priskribas la naivan humilecon de juna araba virino. Sufiĉe ampleksa estas la Junulara Tribuno, kun diversaj artikoloj pri internaj aferoj de nia movado. HELENA ESPERANTISTO estas kvazaŭ podio por S-ro Anakreon Stamatiadis, vera patriarko de la greka esperantismo ; sub la mistera titolo «La neatendita efikeco de la kvinpinta verda stelo plena aperitivo de luksa festeno, aŭ dolĉa-maldolĉa konsolo antaŭ la disreviĝo pro fatale perditaj iluzioj.

Sed, anstataŭ ol komenci jam torturi la menson, pri decidoj de la sorto, venu tuj vi ĉiuj en apartajn angulojn de mia arbaro. Tie vi vidos kun miro, ke junaj pinoj taŭgas kiel stangoj, por la verdaj flagoj de l' esperantismo, apud blankaj toloj sur kiuj krias la ĝojplenaj frazoj de varmaj salutoj, laŭ tre urĝa komisio, kiun la eĥo portis, ĉien de la montoj, por plenumi la vokon, kiun faris aklame

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

## OKAZAĴO EN NEDERLANDO

En multtrafika strato, viro veturas sur veturilo, kies malantaŭa kotŝirmilo parte demuntiĝis, kaj pro tio ĝi faras bruegon. Alia viro, veturanta tuj post la brufaranto, laŭte diras :

—Sinjoro, via malantaŭa kotŝirmilo demuntiĝis kaj bruegas!

Nenia efiko... Ree, la komplezema viro, eĉ pli laŭte, ripetas :

—Sinjoro, via malantaŭa kotŝirmilo demuntiĝis kaj bruegas!

Ankaŭ nenia efiko... La komplezemulo pedalas pli rapide kaj atingas la brufaranton. Deprenante sian ĉapelon, li diras denove, ankoraŭ pli laŭte :

—Sinjoro, via malantaŭa kotŝirmilo demuntiĝis kaj bruegas!!

Nun, la alia turniĝas al la kriinto kaj tre laŭte respondas :

—Pardonu, afabla sinjoro, mi ne povas aŭdi, kion vi diris, ĉar... mia malantaŭa kotŝirmilo demuntiĝis kaj bruegas!!

I. SCHOON

**Simpatia kaj sprita samideano el Haarlem (Nederlando) kiu veturas nun tra Hispanio.**

---

## JEN PRO KIO!

La patro de Peĉjo ege koleris, kiam li eksciis, ke lia filo malsukcesis en sia ekzameno.

Kun severa mieno, li alparolis la profesoron, petante klarigojn pri la kialo de la malfavora decido. La profesoro respondis, ke Peĉjo kopiis la temon de apuda ekzamenanto.

—Kial vi scias, ke Peĉjo kopiis de la najbaro? Ĉu ne povis okazi, ke la najbaro kopiis de Peĉjo?

—Ho, ne, ne kaj ne, tute ne! Rimarku : La temo konsistis el dek demandoj, naŭ el ili estis trafe respondataj de la du ekzamenatoj. Sed, la deka demando ricevis de la najbaro ĉi tiun respondon : «Mi ne scias respondi.» Kaj Peĉjo skribis en sia kajero : **«Mi, ankaŭ ne!»**

CIRANO

## ¡ESE ES TAMBIEN EL CAMINO!

El Congreso Internacional de la Unión Postal de América y España, en la reciente Convención de Panamá, ha tomado, entre otros, los siguientes acuerdos :

**Voto sexto: «Que establezcan el servicio de suscripciones a diarios y publicaciones periódicas, sobre bases análogas a las del respectivo acuerdo de la Unión Postal Universal».**

**Voto octavo: «Que se adopten todas las medidas necesarias para perfeccionar el servicio de distribución de la correspondencia, en sus respectivos países, a fin de que los adelantos logrados en la legislación postal se traduzcan en beneficios positivos para el público».**

**Décimosexto: «Que las administraciones pongan el mayor empeño a fin de que el servicio de giros postales sea realizado entre todos los países, sin excepción, y por una cuantía máxima no inferior a 300 francos oro».**

Como esperantistas, partidarios de una fácil comunicación entre los pueblos; como idealistas, prácticos, con deseos de apreciar, en efectivas realidades, los grandiosos adelantos de la técnica moderna, al servicio de los intereses generales del público, y finalmente como españoles, entusiastas admiradores de Francisco de Vitoria, deseamos la inmediata puesta en práctica de estos acuerdos, estimando en más estas realidades que la edición de sellos conmemorativos del ilustre jurista mencionado.

JOSE GUZMAN, Abogado
(Valencia)

---

## LA FLUO DE LA VIVO NE ĈESAS...

*Al nia estimata samideano, kaj entuziasma naturamiko, Frederiko J. Sanfeliz, ĵus naskiĝis lia unua fileto, kiun ni salutas jam nun, kiel efektivan promeson por la ekskursismo kaj ankaŭ por la esperantismo. Gojan gratulon ni atestas sincere al la feliĉaj gepatroj!*

# INTERNE DE AFRIKA ARBAREGO

## HISPANA ESPERANTISTA MISIISTO SKRIBAS

**Nia kara samideano, la misiisto Felikso de Valois Arana, membro de nia Federacio, sindoneme postenas nun en la afrika kolonio de Gvineo. Meze de densaj arbaroj, li ne forgesas nin; sed, multe pli forte, li sentas la bezonon de la internacia lingvo por intergentaj rilatoj. Li skribis al ni interesan leteron, el kiu ni kompilis kelkjn fragmentojn, kiujn ni prezentas al la atento de nia kara legantaro:**

Estimata samideanaro!

Gojege mi jus ricevis la decembran ekzempleron de nia ŝatata malgrandeta revuo, kiun tuj mi legis, kiam tio estis eble. En ĉi tiu malproksima izolejo, nia bulteno estas kvazaŭ agrabla kolombino, sur kies blankaj flugiloj venas la honestaj aspiroj de tiuj, kiuj, en Hispanio kaj en tuta Eŭropo, laboras por Esperanto, nia dolĉa lingvo. Vera frandaĵo estis la aparta kajero, kun traduko de la 22ª capitro de «Don-Kiĥoto». Mi legis kaj relegis ĝin kun granda ĝuo; ankaŭ pri tia traduko mi revis, sed... mia dolĉa revo, revado restis.

...Ankoraŭ, unu fojon pli, mi devas diri, ke misiistoj plej bone scias, kiel necesa estas nia Esperanto, la helpa lingvo internacia, por la tuta mondo. En la hispana Gvineo, kvankam ne tre granda, estas necese koni almenaŭ du lingvojn (por povi paroli kun indiĝenoj) krom la hispanan, kiun, dank' al Dio, kaj al la laboro de la misiistoj, preskaŭ ĉiuj negroj konas.

Tie ĉi oni parolas iun anglan lingvon, kiun oni nomas «Broken English» aŭ «Beach English», t. e. «Rompita angla lingvo» aŭ «Marborda angla lingvo». Ĉi tiu lingvo estas vera «Afrika Esperanto», per ĝi oni povas paroli kun ĉiuj negroj el kiu ajn afrika teritorio. Tiel same, oni ĝin parolas en Nigerio (la grandega kolonio, kiu aktive klopodas por sia sendependeco) kiel en la franca aŭ belga Kongolando; ankaŭ tra la tuta okcidenta Afrika Marbordo, de Dakar ĝis Bona Espero, kio certe signifas multajn milionojn da homoj .

Dank' al Dio, kaj al miaj ŝvitoj, mi jam parolas ĝin preskaŭ perfekte, ĉar la vortoj de tiu negra lingvo estas samaj ol tiuj de la angla ligvo, sed malbone elparolataj. Krom ĉi tiu nomita lingvo, kies kono estas nepre necesa por ĉiu eŭropano, kiu ĉi tie loĝas, ankaŭ estas parolataj la germana, franca, hispana kaj portugala. Tamen, la misiistoj bezonas plian, ĉar ili devas ja lerni unu aŭ du el la indiĝenaj lingvoj, kiuj ŝajnas vera galimatio. Mi, do, nuntempe, tre fervore kaj ŝvite klopodas por koni kaj paroli la lingvon. «Pamue»; ĉi tiu lingvo, kiel ĉiuj ceteraj indiĝenaj lingvoj, estas treege malsama je niaj eŭropaj lingvoj, kiujn oni povas lerni ludante, en komparo kun la ĉi tieaj paroliloj, kiujn oni studas ŝvitante, ĉar la senfina varmega somero, kiu ĉi tie regas, eĉ la ŝtonojn ŝvitigas.

Cu vi povas, karaj samideanoj, sendi al ĉi tiu juna kaj malriĉa misiisto en Afriko diversajn esperantajn gazetojn aŭ revuojn, por legado kaj distro dum miaj malmultaj ripozoj, post miaj kuradoj, predikante la Evangelion, tra plej teruraj arbaroj? Mi kore vin dankos. kaj multe mi ĝojos pro la scio, ke en Valencio oni ne forgesas min.

Al ĉiuj, kiuj legas nian Bultenon, samideanan saluton de ĉi tiu humila esperantista misiisto, kiu vin en Kristo benas.

Pastro FELIX DE VALOIS ARANA
San Carlos (Katolika misio)
Fernando Póo (Guinea española) Afriko



## Ricevitaj libroj

*J. W. GOETHE: Faŭsto, I. Esperanta traduko de N. Barthelmess, 2.ª eld. Publikigita kun permeso kaj laŭ komisio de SAT.—Siegfried Ziegler Eldonejo, München-Pasing, Germanio,* 1949. 190 *paĝoj.*

*Prezo*: 9.50 *gm. en Germanio; por aliaj landoj, nur per SAT,* 2.40 *us. dol.*

Krom *Sinjoro Tadeo,* mi sukcesis legi ĉiujn plej elstarajn poemtradukojn en Esperanton. Apud la zamenhofaj tradukklasikaĵoj, viciĝis en mia legado *La tragedio de l'Homo, Eterna bukedo, Infero, Johano la Brava,* age de Kalocsay; *Eŭgeno Onegin,* age de Nekrasov; k. t. p. al tiuj aldoniĝis la frando de nia poezia literaturo per la verkoj de Baghy, Kalocsay, Hohlov, Kurzens, Miĥalski kaj aliaj, kie troviĝas la propra spirita vivo de nia literatura popolo esperantista.

Kaj jen, danke al la postmilita aktiveco de SAT, mi povis finfine legi *Faŭsto I,* en la traduko de N. Barthelmess, eldonita de Siegfried Ziegler. Bildo de Goethe, papero, preso kaj bindo estas plaĉaj, eĉ luksaj, inda kontribuo al la 200ª datreveno de la naskiĝo de tiu geniulo. La prezo, tamen, ŝajnas al mi troa por la SAT-anaro kaj por la belliteraturemaj ceteruloj.

Estus eminenta frenezo, ke mi intencus ion diri pri la signifo kaj enhavo de tiu verko, tiel amplekse jam pritraktitaj de mondfamaj fakuloj. Krome, la samdate kaj —loke aldonita komentaĵo de M. Butin superfluigas tiun prion en senpretanda esperantista recenzo.

Sed jen io pri la traduko. Kiel supre dirite, mi havas iom da kutimo koncerne legon de poezia esperanto-literaturo. Tamen, neniam antaŭe, ĉe verko de eminenta esperantisto —kaj nia Bartelmess estas ja tia!—, mi trabatis al mi tiel malfacilan vojon dum la ĝisfina ellego, Mi ne povas gustumi la germanan originalon, kaj sekve mi ne povas kompari; sed elgustumi la esperantan tradukon, ĉe la unua ellego, ankaŭ mi ne plenpovis.— Por mi malfermiĝis la grandiozo de *Infero,* kaj de ties kalocsaja traduko, jam ĉe la dua plenlego (poste mi ĝin tutlegis ankoraŭ trian fojon). Nu, mi ne scias, ĉu mi ellegos, du pliajn fojojn, la *Faŭsto*-tradukon de Barthelmess: tiel dura ĝi estas.

Kial tiu dureco, tiu malfacilo por la legado? Ŝajnas al mi, ke tio ŝuldiĝas unue al la manko de elvokiveco, al la ŝparo de neologismoj —tia traduko nepre postulas ilin abunde!—, kaj due sed ne malĉefe al la oftaj inversioj. Ja bone kaptis kaj sprite ironizis tiun inversiadon Kalocsay en sia *Rimportretoj,* kiam li diris:

Barthelmess—la Faŭst-tradukanto,
Jonglata per ludadas vorto.
Kun da admir' en koro kvanto
Legadis kiu per volforto
Faritan Faŭston en retorto:
Gin malforgesos en konstanto.

Krome, la manko de piedpaĝaj antaŭkantaj aŭ enkondukaj klarigoj kontribuas al la sekeco kaj nealireblo de la poemo. Por homoj de aliaj kulturoj, ekzemple por arabaj. ĉinaj, hindaj, japanaj kamaradoj, probable tiu traduko ŝajnas rebusejo: tiel penega, tiel ege malfacila estas ĝia legado!

Sed, ĉu tio signifas fornei valoron al la granda laboro de k-do Barthelmess? Neniel. Mi sincere kredas, ke k-do B. ne plensukcesis belliterature finkonstrui sian arttradukan laboron. Mi ne konas lian unuaeldonan tradukon; sed, laŭ la antaŭparolo, kompare al ĝi tiu ĉi dua eldono estas pozitiva paŝo antaŭen. Inter aliaj valoroj, tiu traduko posedas tiun de la tradukentrepreno mem. Specialan gratulon nia kamarado meritas ankaŭ pro tio, ke li atakis tian titanan laboron, kaj per sia jama sukceso montris, ke ĝi estas atakebla por —per nia lingvo. Espereble la tria eldono, kun rea prilaboro surbaze de la duma poezia pliriĉiĝo de nia lingvo, fariĝos eminenta klasikaĵo de nia tradukliteraturo, ĉar, ja, multaj, multaj pecoj de la nuna formo estas nepre an-

tologiindaj, vere unuarangaj rekreaĵoj, atestantaj ĉe la tradukinto grandan amon, vervan lingvolerton, poezifakan kompetenton kaj plej seriozan okupiĝon pri nia belliteraturo.

J. REGULO PEREZ,
Kanariaj Insuloj

*MAX BUTIN : Faŭsto. Konciza komentario al Faŭsto I Esperanto-traduko de N. Barthelmess).— Siegfried Ziegler Eldonejo, München - Pasing, Germanio,* 1949. 18 *paĝoj. Prezo :* 1.20 *gm. aŭ* 0.30 *us. dol.*

Kun vera plezuro mi legis tiun ĉi broŝuron. Ĝi estas ne anstataŭebla sojlo al la lego de la traduko de Barthelmess, kiel kies perilo ĝi aperas. Eĉ memstare ĝi diras al ni multon pri la tutmonde signifega verko. Laŭdon kaj gratulon meritas la aŭtoro kaj la eldonisto :

La lingvaĵo estas bonega, tujkomprena, inda al la famo de tia kompetentulo, kia estas s-ano Butin. Tamen, iom ĝenis min, en tiu proza verketo, la troa apostrofado de la artikolo ; mi rigardas tion ne imitinda uzo ; almenaŭ al mi ĝi ĉiam impresis artifike.

Bedaŭre nur, ke tia grava enkonduko ne aperis prologe, samkorpe en la *Faŭsto*-traduko de Berthelmess. Ĉar post ellego de la verketo de s-ano Butin, la relego de *Faŭsto* I iĝas pli alirebla kaj fruktodona.

Nia originala, literaturo riĉiĝis per vere havinda eseo.

J. REGULO PEREZ,
Kanariaj Insuloj

---

# ALVOKO

OOMOTO post longa etapo de silento disrompis al si la malnovan ŝelon, evoluis kaj kreskas sub la nova nomo de *Aizen-en* (Gardeno de Dieca Amo).

Ĉiuj malnovaj amikoj de OOMOTO kaj la U. H. A. abonintoj kaj kunlaborintoj de «Oomoto Internacia» estas petataj tuj skribi al :

CENTRA OFICEJO DE AIZEN-EN
Kameoka, Kioto-fu, Japanio.

# KIAL LA LEVIĜANTA LUNO ASPEKTAS PLI GRANDA OL LA KULMINANTA LUNO?

**Invito al diskuto de Dipl. Inĝ. Karl Heinz Wernicke - Munkeno (Germanio)**

Jam de jarmiloj, homoj vespere rigardas la ĉielon, kaj certe multaj el ili meditas pri la kaŭzo de la fenomeno, ke la leviĝanta luno ŝajnas esti multe pli granda ol la kulminanta luno. Gis nun, la scienco ne sukcesis sufiĉe klarigi tiun fakton. Oni citas la refraktiĝon de la lunaj lumradioj per la atmosfero. Sed, laŭ mia opinio, ne estas eble klarigi la menciitan fakton per tia refraktiĝo ; ĉar ĝi estas ĉiam egala, indiferente ĉu la luno transpasas la horizonton, ĉu ĝi atingis la mezon de ĝia videbla orbito.

Alia klarigo, ankoraŭ diskutata kaj diskutenda, ŝajnas trafi la celon. Por igi pli bone komprenebla tiun klarigon, mi citu alian fakton : kiam oni iras sur ebena vojo, kaj oni vidas alian homon malproksime je cent metroj, tiam tiu vidata homo aspektas kiel normale granda homo ; sed kiam oni grimpas sur turon cent metrojn altan, kaj oni vidas la saman homon starantan sur la tero, do, proksimume en egala distanco, kiel en la unua kazo, tiam tiu homo aspektas kiel malgranda pupo.

La homo ŝajnas, do, ne esti lerninta ĝuste taksi longajn mezurojn, se lia rigarda direkto devias de la kutima direkto horizontala. Kiam oni vidas la leviĝantan lunon, tiam oni rigardas horizontale ; tiam oni do havas la ĝustan impreson (*) ; sed kiam oni rigardas vertikale, laŭ la sama sperto, kiun oni ricevas grimpinte sur la teron, oni tiam ne kapablas ĝuste taksi la mezuron per la okulo, kaj la impreso estas malĝusta.

---

(*) *Ĝusta impreso* ne signifas, ke oni vidas la veran mezuron de la luno. Fakte, oni ja nur vidas la ŝajnan mezuron, kaŭzatan per la distanco tero-luno. Sed, la ŝajna mezuro de la kulminanta luno estas malpli granda ol la ŝajna mezuro kondiĉata per tiu distanco.

# ☆ LA LERNEJO

## CONSULTORIO LINGUISTICO

**J. V. de Priego.**—La preposición JE tiene un sentido indefinido, y se puede usar siempre que, en la frase, no esté claro cuál preposición ha de emplearse. Sin embargo se debe usar JE lo menos posible. Desde luego ya se ha restringido mucho desde los comienzos del idioma internacional. Al principio se usaba en muchos casos en los que luego se sustituyó por otra preposición. Por ejemplo, se decía **plena je akvo**, que se ha sustituído por **plena de akvo**; y la frase **li estas kontenta je sia filo** se ha transformado en **li estas kontenta pri sia filo. Partopreni je la ludo.** resulta ya completamente anacrónico, pues se dice **partopreni la ludon.** Puede decirse que el empleo de JE se reduce a los casos siguientes: **Je la kvara matene, je kioma horo ni veturos?; la kurso okazos je la mezo de Marto, domo alta je dudek metroj, tiu rivero havas longon je kvindek kilometroj, je kiu prezo vi deziras la kravaton?** es decir delante del complemento circunstancial de tiempo, medida, etc.

**E. M. de Jaén.**—No se puede decir **tondi kun la tondilo** traduciendo literalmente nuestro **cortar con las tijeras**, sino **tondi per la tondilo.** Fíjese Vd. en los casos en que se emplea **con** en castellano y verá que dicha preposición tiene varias acepciones. En los casos de **escribir con lápiz pintar con pincel**, etc., nunca puede emplearse **kun** en Esperanto, puesto que la referida preposición significa **en compañía de**, por consiguiente fijándose un momento verá claramente cuándo debe o no emplearse. En la mayor parte de los casos en que en Esperanto se usa **per** (por medio de), en castellano empleamos **con.**

J. BOSCH

---

# PARA NUESTRO BOLETIN

### 3.ª lista de donativos (MARZO 1950)

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** ... ... ... ... | **215** | **Ptas.** |
| **Ricardo Quiles (Valencia)** ... ... ... | **5** | » |
| **Daniel Muñoz (Catarroja)** ... ... ... | **4** | » |
| **José Selusi (Grao de Castellón)** ... | **9** | » |
| **Manuel Ruiz (Grao de Castellón)** ... | **10** | » |
| **Ernesto Roca (Tarrasa)** ... ... ... ... | **5** | » |
| **Rafael Vizcaíno (Valencia)** ... ... ... | **10** | » |
| **Antonio Pont (Valencia)** ... ... ... ... | **5** | » |
| **Manuel Monleón (Valencia)** ... ... | **5** | » |
| **Andrés Ballestín (Zaragoza)** ... ... | **5** | » |
| **Félix Buisán (Palencia)** ... ... ... ... | **5** | » |
| **Pedro Buisán (Palencia)** ... ... ... | **5** | » |
| **Ernesto Tudela (Valencia)** ... ... ... | **10** | » |
| **Fernando López (Sevilla)** ... ... ... | **10** | » |
| **Jaime Juan (Valencia)** ... ... ... ... | **5** | » |
| **Restituto Albero (Burjasot)** ... ... | **5** | » |
| **Juan Régulo (La Laguna)** ... ... ... | **15** | » |
| **Total** ... ... ... ... ... | **329** | » |

**Estimata amiko! ¿Ha sido de tu agrado este número?. A la vista de lo que se logra con un modestísimo presupuesto puedes suponer lo que podría hacerse con una mayor amplitud económica, que entre todos podría conseguirse. ¡Adelante, pues!**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

DR. E. TUDELA.—Ruzafa, 43. Valencia. Dez. koresp. kun ĉiulandanoj pri div. temoj. Respondo garantiata.

---

## SKRIBU AL GERMANIO!

**Jenaj germanaj gesamideanoj tre volonte deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj:**

S-ro ERICH SEITHEL
F-ino TONI LEHR
Esperanto - Grupo p-fako 564 (13 a) **ASCHAFFENBURG MAIN**

S-ro FELIX AULEHLA - Aubingerstr, 15
MÜNCHEN - PASING

S-ro JOSEF MODELMAIER - Neugasse, 5
(13 b) INGOLSTADT

«La Ponto», oficiala monata gazeto de Germana Esperanto-Asocio, publikigos en speciala numero, dum somero **1950**, korespondanoncojn de ekstergermanaj samideanoj. Alskriboj al

**ESPERANTO - CENTRO**
**(13 b) Munchen - Pasing, Engelbertstr. 7 (GERMANIO)**

---

## ATENTON!

Kiu scias, kie troviĝas la manuskriptoj senditaj al Int. Floraj Ludoj en Bilbao, proksimume antaŭ 15 jaroj? Mi serĉas la tradukon de Tirola romano «Jakob Brumer» premiita en tiuj Floraj Ludoj, sub mia pseŭdonimo Maria Sot.

Adr. Maria Schüttl, redaktorino de
LA GUSTA VOJO (13b)
MÜNCHEN XIX, Schultstr. 26 I
(Germanio) U. S. A. Zono.

---

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 | ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 25 | » | » |
| Socio protector... ... | 50 | » | » |

Las dos últimas categorías dan derecho a la recepción de nuestro Boletín.

**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**



*Momenton, mi petas*

# Ĉu vi scias . . .

ke U.E.A. estas la unusola Esperantista organizaĵo internacia, kiu sin okupas **nur** pri la progresigo de Esperanto, klopodante varbi ĉiujn homojn por la lingvo, sen konsidero pri iliaj opinioj religiaj, politikaj aŭ kiaj ajn, tiel plugante la grundon, kies rikolto estas disponebla ankaŭ por la tuta movado kaj precipe por la fakaj movadoj ?

ke la ĉiujara **Universala Kongreso,** organizata de U.E.A. estas unu el la plej imponaj demonstracioj de la praktika apliko de Esperanto, kaj la **Internacia Somera Universitato** en ĝia kadro senegala manifesto de la kultura rolo de nia lingvo ?

ke la pli ol **2000 delegitoj de U.E.A.** (kun adresoj en la Jarlibro), kiuj donas siajn servojn al siaj kunmembroj—ĉu persone dum vizito, ĉu koresponde—estas io unika en la mondo kaj pruvas ankoraŭfoje la solidaron de la Esperanta familio ?

ke U.E.A. jam eldonis **dek teknikajn terminarojn** (kaj projektas pli en la dua parto de sia Jarlibro)—el kiuj ĉerpas la diversaj naciaj kaj internaciaj Esperanto vortaroj—kaj tiel faras gravan kontribuon al la lingvo-evoluo, kiun ne povus fari privataj eldonistoj ?

ke U.E.A. propriniciate subtenas la **eldonon de ŝlosiloj kaj lernolibroj** en landoj, kie la movado mem ne kapablas fari tion, kaj per tio helpas al la disvastigado de Esperanto en malproksimaj partoj de la mondo ?

ke U.E.A. konstante iniciatas novajn klopodojn penetri en oficialajn rondojn kaj rajte fieras pri sia kunordiga rolo en la **Petskriba kampanjo,** kiu rezultigis la gigantan ciferon 16,350,212 da subskriboj apogantaj la insiston, ke U.N. konsideru la pretendojn de Esperanto ?

ke U.E.A. eldonas ĉiumonatan gazeton **ESPERANTO,** kiu estas modelo de lingvo kaj stilo, kaj informas pri ĉiuj fazoj de la movado, kaj kiun oni esperas pligrandigi kaj plibonigi en la baldaŭa estonteco ?

ke la Landaj Esperanto-Asocioj en la jenaj landoj aliĝis al U.E.A. kaj iliaj membroj pro tio estas Asociaj Membroj de U.E.A.:

Argentino, Aŭstralio, Belgujo, Brazilo, Britujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Danlando, Francujo, Italujo, Jugoslavujo, Nederlando, Norvegujo, Novzelando, Pollando, Svedujo, Svislando, Usono ; kaj sekve tiuj Asociaj Membroj rajtas uzi la servojn de la delegitoj ?

ke la **Libroservo de U.E.A.** peras ĉiujare 20,000 librojn kaj portas konstantan stokon de 4,000 volumoj de ĉiuj haveblaj verkoj, kies detaloj troviĝas en la Jarlibro aŭ estas riceveblaj aparte kontraŭ peto ?

ke ĉio tio meritas la aktivan subtenon de ĉiu serioza Esperantisto, kaj tial U.E.A.—jam la plej granda Esperantista organizaĵo en la mondo—varme invitas vin fariĝi **Individua Membro** (kiu ricevas la revuon *Esperanto* kaj/aŭ la Jarlibron) por ke ĝi povu daŭrigi sian laboron helpe al la tuta Esperantista movado ?

THE ESPERANTO PRINTERS LIMITED, CHORLEYWOOD.